# TABELO DE ENHAVO



Kiel besto, la Mirmekobo estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.

mirmekobo@mac.com

Redaktoro: Donald Broadribb

SATIRA HUMURO

# Monologoj de malvera muzulmano

de Gafur Gazizi.

*Assalamuhalejkum*! Mi estas muzulmano denaske, ĉar kiel ĉiuj baŝkiroj mi devas esti ankaŭ muzulmano; tion postulas iuj tradicioj, kiujn mi ne komprenas, sed kiuj per miaj gepatroj, parencoj kaj ceteraj samgentaj najbaroj influas mian vivo-stilon. Eble, mi estus pli honesta kaj pli fidela aŭ ĝustakreda islamano en mia vilaĝaĉo, ankaŭ pro tio ke mi kapablas iom skribi arablitere de dekstre liven, tamen, tamen ...

La afero estas tute, kiel diri pli mol-korekte, nigra kaj senluma... Mi ne volas aludi ke ĝi eĉ iom kotas (vi mem pri tio povus konjekti, mia kara inteligenta samleganto) kaj fiodoras je iu kontraŭleĝeco aŭ globa antihumaneco...

Savu min Dio! (tiu fama protektanto de la kristanoj), en kies ruslingva medio ankaŭ mi vivas aŭ provizore loĝas, kvazaŭ nigra kolombo inter blankaj kornikoj, kaj kies religion ankaŭ mi devas fidele kaj justakrede (ruse: *pravoslavno*) obei! Savu min ankaŭ Alaho! pri kiu mi iam legis kaj aŭdis tre ofte, kiam mi en iuj longe-longaj vicoj foliumis la sanktan Koranon apud enirejo en iun bagatelan vendejon! Mi ne volus en unu bela tago fariĝi persekut-celo kiel Salman Ruŝdi, nu jes, vi trafe rememoris tiujn "satanajn versojn" (interalie, en mia gepatra lingvo, en la baŝkira, tiu *satano-diablo* nomiĝas *ŝajtano*, preskaŭ "ŝat-ano"; nu, kiu ŝatas, ĉu?). Certe, mi estimas la religiajn aferojn kaj samtempe mi tre ti-i-i-mas! Imagu, en kiu koncentrita kaj danĝera loko mi vivas! Min ĉirkaŭas, krom miaj ne tre multenombraj samnaciuloj, diversaj minoritatoj kaj pluritatoj de rusoj, tataroj, ĉuvaŝoj, marioj, udmurtoj, vizaĝoj de kaŭkaza nacieco, banditoj, putinoj, huliganoj, agentoj de FSB-CIA kaj NATO, narkotrafikantoj kaj eksplodistoj el 'Al Kaida ktp...kaj infinite.

Mi estas tre modesta kaj tute sendefenda civitaneto en la ruslanda kolonio kun la titolo Baŝkortostano (ne risku konfuzi kun la aliaj titoloj, kun tiuj de Afgani-, Uzbeki-, Taĝiki- kaj Kazaĥ-stano!). Ne havas mi potencajn "tegmentulojn" en milico, nek en la ceteraj organoj de la enlanda ord-kontrolo. Kaj la aŭtoritatoj el la tiel nomata ruse OPG (organizita krimulara grupiĝo) ne estas al mi "fratoj-kamaradoj", ĉar mi estas ĉiam tiel honesta, ke mi povas facile fariĝi babilema atestanto de Ie-havo (aŭ: iu-havo?) pri iu krimo. Efektive kaj reale, ĉiutage mi atestantas pri miloj da krim-agoj, okazantaj ĉirkaŭ mi, ke mi jam komencas deliri-diveni en kiu konstrueja beton-marteraĵo mia kaduka korpeto estos martire entombigita, aŭ per kiu asfalt-rulpremilo estos ĝi ingrediencigita en la larĝan ŝoseon, laŭ kiu veturas ĉiuj honestaj civitanoj al sia

“lasta haltejo”...

Pensi necesas, sed mi ne povas pensi. Mi timas pensi, ĉar se iu spione ekaŭdos mian pensadon (mi ja ne scipovas mediti silente kaj sekrete!), tiu tuj rekonos en mi herezulon, ribelulon aŭ malĝustkredulon-kafiron... Aŭ se en la oreloj de la plej dokta scienculo eksonos mia interna refleksio, rekoniĝos mi aliterano, fremdastrulo, nu kiel la usonlingvanoj kun la Britia Europo ŝatas: *the alien*, t.e. alien-ulo, kvazaŭfrenezulo.

Do, karaj miaj fervoraj mirmekobanoj kaj kobajoj, gelegantoj kaj geleĝantoj, mi denove volas ripeti al vi, ke estas mi denaska muzulmano. Sed pruvon por tiu ĉi aserto vi prefere legu en la sekva numero de miaj monologaj konfesoj, ĉar mi dume volas vivi, sed ne forlasi la teron. Ĝisss!

Daŭrigendas.

# NIA FOTOALBUMO 1
## MARSO



La planedo Marso [NASA]

# NIA FOTOALBUMO 2
## AŬSTRALIAJ PAPAGOJ



**Ĉielarka  Lorikito [Trichoglossus haematodus]**



**Sulfurtufa kakatuo** [CACATUA GALERITA]



**Hibrida Rozelo (Aŭstralia) [genro PLATYCERCUS]**

# LA KOMENCO DE PSIKANALIZO

## SIGMUND FREUD

de Donald Broadribb

Sigmund Freud estis judo naskita en 1865 en Freiborg Moravio (nun Příbor, Ĉeĥa Respubliko). Tri jarojn post lia naskiĝo, lia familio transloĝiĝis al Vieno. Pri lia antaŭprofesia vivo ni preskaŭ nenion scias. Ni tamen ja scias ke li decidis studi medicinon en la Universitato de Vieno, kaj en 1882 li komencis praktikan studadon de psikiatrio kaj de interna medicino. En 1885 li iĝis docento de neŭropatologio, surbaze de siaj studoj pri la cerba medulo. Ĉirkaŭ tiutempe li ankaŭ ektrovis kaj enkondukis la uzadon de kokaino, kiun li uzis kiel medikamenton. Domaĝe, la reulto de tio estis katastrofa, kiel ni nun tre bone scias.

Ĉar lin ĉefe interesis neŭropatologio, Freud iris al Kliniko Salpêtrière en Parizo, por 19 semajnoj en 1885, samtempe kiam Pierre Janet tie studis, por studi laŭ la gvido de Jean-Martin Charcot. Ĉu Freud kaj Pierre Janet renkontiĝis tie, kaj ĉu ili interdiskutis siajn ideojn kaj konceptojn, tion ni ne povas scii; multaj hipotezoj pri tio estas eldonitaj de historiistoj. Tamen, la simileco inter iliaj vidpunktoj estas frapa. Tamen ni ne troigu tiujn similecojn, ja 19 semajnoj ne estas longa periodo, kiam oni volas ellabori novan koncepton pri psikiatrio. Sed interesas unu grava diferenco inter iliaj konkludoj. Pierre Janet pioniris en la studado de "disiĝinitaj personoj"[1], la stato de multaj psikiatriaj pacientoj — opfte per hipnozo oni povas elvoki kvazaŭ tute apartajn personojn: plej ofte nur du, sed kelkafoje pli. Efektive, eblas relative facile aperigi tiun fenomenon per hipnozo en kelkaj pacientoj. En la ĉiutaga vivo ni renkontas mildan formon de ĝi ĉe personoj, kiuj kiam sobraj havas tre koheran karaktreron, sed ebrie montriĝas kvazaŭ tute aliaj personoj. Pacientoj kun "obla personeco" ofte estas psikozaj.

Sigmund Freudon multe impresis la fakto ke per hipnozo oni povas ofte (sed neniel ĉiam) veki memorojn el la fruaj jaroj de infaneco, kiujn la paciento ŝajne estis forgesinta dum sia normala stato. Kiam la memoro estas pri tre traŭmata sperto (ekz. seksa perforto kiam la persono estis nur kelkjaraĝa), la vigligo de tiu memoro povas estigi multajn kunligitajn memorojn, kaj ofte la ekaperon de neŭrozaj simptomoj.

---

[1] Disiĝinta person estas persono kiu *ŝajnas* esti pluraj personoj en unu korpo. Tio estas, li/ŝi *ŝajnas* havi plurajn apartajn mensojn — kelkatempe li/ŝi donas al si unu nomon, kaj havas certajn karakterizaĵojn, kutimojn, kredojn, memorojn, agas laŭ unu maniero; alitempe li/ŝi donas al si alian nomon, kaj havas tute aliajn karakterizaĵojn, kutimojn, kredojn, memorojn, kaj agas laŭ tute alia maniero. Kelkafoje, sed tre malofte, tia persono povas havi *laŭŝajne* plurajn tute apartajn personecojn.

La diferencoj inter la vidpunktoj de Janet kaj Freud pri tio okazigis multan koleran disputadon inter iliaj skolanoj En la priskribo de la eksperimento-kontribuoj de la svisa psikiatro Carl Jung, en *Mirmekobo* 4, ni vidos ke ambaŭ vidpunktoj pravis, depende de la personaj historio kaj spertoj de invividuaj pacientoj.

Tiuj hipnozaj spertoj tamen ne estis la unua medicina intetreso de Freud. En la jaroj post la diplomiĝo de Freud, oni sukcesis vidi la nervojn de la korpo per mikroskopo, sed la detaloj kaj agado de la nervoj estis ankoraŭ tre necertaj. Freud dediĉis sin al detala studo de la nervoj, kaj li esperis trovi metodon distingi la tutan longon de individuaj nervoj, por helpi informiĝi pri la agado de unuopaj nervoj. Tiucele, li provis metodojn kolorigi (farbi) individuajn nervojn. Sed adekvata teknologio por tion ankoraŭ ne ekzistis, kaj Freud devis agnoski ke lia entrepreno fiaskis.

Por lukri sufiĉe da mono por la propra vivo kaj tiu de lia baldaŭa edzino, li devis turni sin al praktika kuracado. La spertoj kaj demonstroj de Charcot instigis lin praktiki la kuracadon de “nervozaj” pacientoj, personoj kiujn ni nuntempe kutime nomas neŭrozaj.

Dum pluraj jaroj Freud pritraktis siajn pacientojn per hipnozo. Ĝenerale, tio signifis ke per hipnozo li regresigis la memorojn de la pacientoj. Lerte farite, eblas — se oni komencas per relative freŝaj memoroj — iom post iom reaktivigi memorojn el antaŭ multaj jaroj. La verecon de tiuj memoroj oni povas kontroli diversmaniere. (Oni povas atingi saman rezulton per manipulado de sonĝoj.)

Jen ekzemplo el mia propra psikiatria praktikado. Mi havis pacienton en psikiatria hospitalo, kiu antaŭe estis arestita kaj enkarcerigita pro seksperforto je juna knabo. Unu tagon li rakontis al mi sonĝeton el la antaŭa nokto. La sonĝeto estis tre kurioza, kaj estis tre malfacile kompreni ĝin. Ni longe diskutis ĝin. La sekvan nokton, li resonĝis la saman enhavon, sed kun kelkaj pliaj detaloj. Tiel estis ĉiunokte dum unu aŭ du semajnoj, ĝis fine li sonĝis plenan scenon: en tiu sonĝo li estis en arbareto apud parko. Plenaĝa viro kaptis lin, seksperfortis lin, kaj pendumigis lin de proksima arbo. Feliĉe, iuj proksimuloj vidis kaj liberigis lin.

Ni (la hospital-aŭtoritatuloj kaj mi) enketis ĉe la polico, kaj trovis en la policraportoj de antaŭ tridek jaroj plenan raporton pri tiu evento — lia sonĝo efektive reenscenigis veran eventon de antaŭ multaj jaroj.

Mi tre volonte dirus ke tiu reakiro de la “perdita memoro” kuracis lin. Sed tiel ne estis. Post unu-du jaroj la polico rearestis lin, ĉar li ĵus atakis kaj seksperfortis ankoraŭ plian knabon. La viro dum kelkaj monatoj ŝajnis esti denove mense sana. Sed poste, lia patologia emo seksperforti infanojn denove

estis aktiva.

Freud unue kredis ke rekonsciigi perditajn memorojn resanigos la pacientojn. Tiu frua espero instigis lin verki kun Josef Breuer libron *Studien über Histerie* en 1893. La libro tiutempe iom furoris. En tiu libro estis rakontitaj la spertoj kaj "kuraciĝo" de pacientoj, kies memorojn oni revigligis per hipnozo.

Tamen, post kelkaj jaroj la vidpunkto de Freud kaj de Breuer estis radikale ŝanĝita. Unue, ili trovis ke reaktivigo de tiuj memoroj ĝenerale *ne* kuracis la pacientojn por pli ol mallonga tempo. Neeviteble, la memoroj remalaperis, kaj la neŭrozaj simptomoj de la paciento reaperis. La "kuraciĝo" de la paciento ne daŭris.

Dua trovo estis eĉ pli grava: pli-malpli regule la hipnotizitaj pacientoj "memoris" sian seksperfortiĝon; kaj dum kelka tempo Freud triumfe proklamis ke seksperforto de infano *kaŭzas* neŭrozon. Sed diverskiale Freud fariĝis skeptika pri kelkaj el tiuj memoroj. Freud plurfoje enketis ĉe koncernuloj, kaj trovis ke tre ofte la "memorita" seksperforto ne vere okazis. Tio plurfoje estis pruvebla per dokumentoj indikantaj la loĝlokon de la koncerna infano, kio malebligis la proksimeston de la pretekstata kulpulo. Hontoplene, Freud devis akcepti ke eĉ hipnotizite, pacientoj fabrikas "memorojn" kiujn ili kredas dezirataj de la terapiisto. Emocie batite, Freud rezignis uzi hipnotizadon.

Verŝajne Freud iom tro frue forĵetis *infanan seksperforton* kiel kaŭzon de multaj neŭrozoj. Nuntempe ni scias ke ĝis ¼ de la popolo ja suferas seksperforton dum sia infaneco, kaj ĝia rolo en la estiĝo de neŭrozoj meritas multe pli da konsiderado.

Kial Freud tiom firme decidis ŝanĝi sian konkludon pri infana seksperforto? Unue, lin tre ĉagrenis la trovo ke ofte liaj pacientoj mensogis al li. Sed pli grave: Freud volis trovi unu *solan* kaŭzon de *ĉiuj* mensaj malsanoj. Kiam li trovis ke multaj liaj pacientoj mensogis pri seksa perfortiĝo, li decidis tute malakcepti ĝin kiel kaŭzon de mensaj malsanoj. Li estis certa ke, same kiel la medicino trovas specifan kaŭzon de iu aŭ alia korpa malsano (tuberkulozo, sifiliso, kc.), ankaŭ devas ekzisti unu specifa kaŭzo de mensa malsano.

Samtempe Freud ja rimarkis unu gravegan fakton: ke se oni lasas pacienton paroladi pli-malpli seninterrompe, tute senĝene, neeviteble neatenditaj mencioj kaj aludoj eskapas el la buŝo de la paciento. Sed se oni provoas devigi la pacienton diskuti tiujn diraĵojn, la paciento ĉiam rifuzas. Ofte la paciento simple neas ke li/ŝi diris tion, kion la kuracisto aŭdis. Aŭ la paciento fabrikas eksplikon kiu tre evidente estas falsa.

Tamen, se oni ne interrompas la pacienton, kaj nur *pasive aŭskultas* tre zorge la diraĵojn, oni post kelka tempo trovas tre interesajn spurojn de spertoj,

timoj, supozaĵoj, kc., kiuj helpas koni kaŝitajn pensojn aŭ timojn de la paciento.

Denove, ekzemplo el miaj propraj spertoj povas ilustri tion: iam mi havias pacienton, kiu estis tre talenta artisto. Kvankam li estis preskaŭ 30-jara, li nur ĵus transloĝiĝis el la hejmo de siaj gepatroj al propra apartamento. Ĝis tiam li loĝis konstante en la hejmo de liaj gepatroj.

Ankaŭ, li neniam spertis amoron (sekskuniĝon).

Tamen, lin allogis virino liaaĝa, kaj aventureme li decidis inviti ŝin trinki tason da kafo en kafejo kunli.Post kelkaj monatoj li eĉ kuraĝis inviti ŝin al sia apartamento por la nokto. Ili amoris. Poste dum ili dormis, li sonĝis ke li estas en sia lito, sed dormanta kun…sia frato! La ŝoko de tio vekis lin, kaj li kriegis laŭte "Foriru el mia lito!" La kompatinda kundormantino estis vere surprizita!

Mi ne komentis pri tio tiutempe; sed kelkajn semajnojn poste li rakontis al mi sonĝon, en kiu li neanticipite vidis sian fraton nuda en oficejo de profesiulo. Ankaŭ tio tre ŝokis lin. Fine, post pluraj tiaj sonĝoj, li devis agnoski ke unu el liaj problemoj tre evidente temas pri sekso, tiel ke li ne plu provis kaŝi sian seksoproblemon. — Tio ne estis la sola kaŭzo de lia spirita mizero (neŭrozo), sed la malkaŝa diskutado helpis faciligi la diskuton de ankaŭ diversaj aliaj fundamentaj problemoj liaj.

Freud devis agnoski ke tiaj diskutoj si mem ne kuracas. Sed ili utilegas kiel unu ŝlosilo inter multaj, por trovi la naturon de la neŭrozo.

Freud ankaŭ multe kontribuis al nia kompreno de la naturo de seksmaturiĝo. Por tio, li observis siajn proprajn infanojn dum ili kreskis, kaj ankaŭ parencajn infanojn, kune kun raportoj donitaj al li de aliaj personoj. Liaj konkludoj estas nun tiom familiaraj al ni, ke ni supozas ilin memevidentaj. Sed en lia epoko de publika prudo, agnoski tion, kio estas evidenta, necesigis multe da kuraĝo. (Ĉu vi memoras la faman komenton de tiu fama Reĝino Victoria, kiu, kiam oni menciis al ŝi ke lesbanina agado okazas, insistis ke io tia tute ne estas ebla?)

Se oni malfermas la okulojn, oni vidas infanseksecon abunde. Mi memoras kiom mi, mia edzino, kaj aliaj rigardantoj rid(et)is, kiam knabeto ĉirkaŭ 3-jara kaj knabineto samaĝa kune kuŝiĝis sur la planko en flughaveno. La knabeto kuŝiĝis sur la knabineto, kaj ili pelvumadis entuziasme. Ilia imito de intensa koitado estis vere amuza — kaj pensiga.

Freud bone komprenis ke seksumado estas multe pli ol nur meto de la peniso en vaginon. Rigardu plenkreskulojn, rigardu vin mem, por observi tion. Kisoj, dolĉa karesado de iu ajn parto de la korpo, tenera enbraka teno … efektive, ĉia tuŝo ĉe plenkreskuloj povas esti normala erotika ago. Kiel oni interpretu la reagojn de infanoj al tiaj samaj agoj?

Sed la mondo ne volis akcepti la evidentan konkludon ke eĉ tre junaj

infanoj havas seksajn inklinojn; kaj, tre strange, ankoraŭ nun multaj tiaj trogloditoj marŝas sur niaj stratoj, kaj insistas pri la "pure senseksa" karaktero de infanoj.

Ankaŭ alia fundamenta koncepto de Freud ankoraŭ ne estas universale akceptata: parte tio estas pro ŝanĝiĝintaj moroj, parte pro la tro konkreta interpreto de lia koncepto: la *edipa komplekso*.

La diskriminacio inter la seksoj ankoraŭ nun kaŭzas multajn problemojn en la socio. Al virinoj en la medio de Freud, multo estis malpermesita. Virinoj multaloke ne rajtis studi en universitatoj, nek labori en multaj profesioj — eĉ en Svislando ankoraŭ en 1972 ili ne rajtis havi propran bankokonton sen skriba permeso de la edzo — ne rajtis baloti, kc. kc. Tiaĵoj certe sufiĉis por kredigi al virino ke ŝi valoras multe malpli ol viro. Ĉar diskriminacio bazita sur sekso estis tiom rigida en lia epoko (kaj ankoraŭ nun en *nia* epoko), estas nesurprize, ke Freud konkludis ke ĵaluzo je la seksa strukturo de knaboj rezultigas neŭrozon en virinoj. La *edipa komplekso* originas el tiu ĵaluzo, kaj fantazioj en kaj knaboj kaj knabinoj ke la seksemon de la juna infano minacas la timo ke knabino knabo kies peniso estis fortranĉita. (Efektive, ne malofte gepatroj eĉ nun admonas miskondutan filon ke ili fortranĉos lian penison se li plu misagos sekse, t.e. masturbos sin.) Iom post iom Freud konstruis el tio teorion ke ĝi estas la universala kaŭzo de neŭrozo.

Freud, ĝenerale, interkonfuzis la socian kaj la genetikan fontojn de psikologiaj aferoj, sed pri tio mi parolos en alia artikolo.

# EL LA TAGLIBRO DE BILLY DIXON

de Trevor Steele

[Tio ĉi estas parto de la kvara ĉapitro de romano, kies fono estas Okcidenta Aŭstralio en la jaroj 1880-1897. Tiutempe ne ekzistis la lando Aŭstralio; estis ses kolonioj, el kiuj Okcidenta Australio estis la malplej evoluinta el eŭropana vidpunkto. Pro tio la malkovro de oro, kiu venigos multajn homojn el la tuta mondo, tre gravis.

Sed la ĉefa rolanto estas ne Billy Dixon, sed la aborigena rezistheroo Jangabara.

Kie eŭropanoj "setlis" kaj "progresigis civilizacion", ili forrabis la teron kaj vivrimedojn de la aborigenoj. Jangabara sukcesis per gerila milito haltigi tiun invadon dum pluraj jaroj. Liaj rilatoj kun Billy Dixon, kiu poste iĝos policisto, estas unu el la centraj temoj de la verko.

*Mi volonte ekirus tuj al la orminejoj, sed estas du problemoj: neniu scias, kie estas tiuj orvejnoj, kaj due mi devas unue enspezi iom da mono por financi mian ekspedicion.*

*Bonŝance mi trovis laboron preskaŭ tuj. S-ro Johnson, la posedanto de la Hotelo Cigno, ĵus maldungis kelneron pro "fordrinkado de la profitoj". Kiam mi min prezentis, li diris simple, "Ĉu vi tre ŝatas bieron?". Mi respondis, "Ne multe." Kaj li anoncis, "Vi estas dungita."*

*Mi kredas, ke mia altkultura angla akĉento imponas al li. Lia propra estas aŭstraliane kruda, sed li insistas, ke li estas anglo. Per tio li volas emfazi, ke li migris kun siaj gepatroj el Anglio, kiam li estis nur trijara. Liaj gepatroj sukcesis aĉeti kelkajn hotelojn en Viktorio kaj prosperis, do s-ro Johnson venis ĉi tien kaj akiris tiun ĉi hotelon, la plej grandan en Perto. Ankaŭ li bone fartas finance, ŝajnas al mi. Viroj ne ĉesas soifi nur pro tio, ke la ekonomio ne bone statas – aparte en tiuj ĉi kolonioj, se la rakontoj estas kredindaj. Multaj homoj drinkas pro enuado, miaopinie. Jen ilia tempopasigilo en tiu ĉi dormema anguleto de la Imperio.*

*Malmulto okazas ĉi tie. La akcepto de la ekspedicianoj estis vera escepto al la rutino, kaj mi ĝojas, ke mi povis partopreni.*

*Virinoj? Kial mia lango tiel stumblas, kiam mi estas proksima al virino? Mi vere volas komenci seriozan rilaton kun ino, sed mia memfido plonĝas en la ĉeesto de la ulinoj. Kaj ŝajnas al mi, ke konvenaj junaj virinoj vivas tre "monaĥine" ĉi tie, en sia vasta vestaro kaj kun tia mieno, ke oni kredus, ke peka penso neniam enirus ilian kapon. La snobeco de Hindio estas grandparte trovebla en Perto. Mi ne tute atingas la statuson de "ĝentlemano". Se mi estus Kavaliro William Dixon, la afero status tute alimaniere. Mi supozas, ke mia* Pater *havas pli da mono ol multaj lordoj, sed nia mono estas "nova"—nia familio devos*

*atendi ankoraŭ kelkajn generaciojn por vere aparteni al la supra klaso. Kompreneble estas aliaj virinoj, kiuj sin disponus al mi, inter ili specimenoj de "nigra veluro". Dio malpermesu, ke mi iam tiel maldigniĝu!*

*Nu, se mi trovos multe da oro, ĉu mia vivo ŝanĝiĝos? Mi vetas, ke jes!*

*Senrilate al la temo: la cignoj, kiuj donis sian nomon al tiu ĉi bela kaj larĝa rivero – kaj tiu ĉi hotelo! – estas nigraj! Unue mi kredis, ke miaj okuloj misfunkcias, aŭ ke iu ilin tinkturis. Sed nun, kiam mi rigardas ilin drivi sur la rivero, mi trovas ilian brilan nigron same bela kiel la blanko de la hejmaj cignoj.*

*Ne multon legis lastatempe. Iomete da Tacitus (severa sinjoro, tiu), kelkajn poemojn de Byron, kaj libron de Herbert Spencer, kiu devas esti la plej eminenta sciencisto-verkisto de nia tempo. Liaj vidpunktoj rilate antropologion estas fascinaj. Pri la nigruloj de tiu ĉi kontinento li skribas kaŭstike:*

En la lingvoj de la aŭstraliaj indiĝenoj ne ekzistas vortoj, kiuj tradukus ***justeco***, peko, kulpo. Inter la malsuperaj rasoj malavaraj aŭ kompataj agoj estas absolute nekompreneblaj. Tio signifas, ke ili ne havas koncepton de pli kompleksaj rilatoj de homa agado en sia socia kadro.

*Tio sendube pravas. La nigruloj vidataj ĉe la periferio de Perto estas senespere mizera grego. Iam, se la rakontoj estas fidindaj, ili rezolute batalis kontraŭ ni, sed la fusiloj de la civilizitaj homoj reduktis ilin al plorinda stato. Nu, Darwin diris, ke la plej malfortaj devas cedi kaj malaperi. De tempo al tempo mi vidis tre belstaturan nigrulon kun ŝvelaj muskoloj, sed vestitan en ĉifonoj (mi supozas, ke ili aspektus pli bone sen vestoj, kiel ili iam vivis). Sed tiuj belaj specimenoj estas la esceptoj, kaj malfacile oni kompatas la mizerulojn, kiuj eble plej profitus, se oni donus al ili kuglon inter la okulojn.*

*La iro de la Universo estas sendube kruela, kaj tiu ĉi primitiva raso estas mortkondamnita. Sed kian bonon ili iam ajn atingis? Ili eĉ ne kultivas la teron. Ili simple vagadas kiel sovaĝaj bestoj kaj predas tion, kion ili povas manĝi hodiaŭ. Ili havas nenian koncepton pri ŝparado, ke ili havu dum malbona sezono, nenian teĥnologion, nenion por interkomerci, nenion, kion penvalorus savi. Kaj, krome, Spencer skribis, ili estas subnivelaj inteleke kaj morale. Ne, mian kompaton mi direktos al pli inda celo.*

Billy diligente laboris por s-ro Johnson kaj ŝparis monon. Lia salajro estis tre modesta, sed ĉar li loĝis senpage en la hotelo kaj ĉar li malofte trinkis alkoholon, ĉiusemajne li povis flankenmeti kelkajn ŝilingojn, kaj li revis pri la tago, kiam li surŝipiĝos kaj ekveturos norden al haveno plej proksima al la orminejoj. Ĉar li estis tute sensperta pri la aŭstralia boŝo, kaj neniam fosis en la tero, li ne simple forsprintos sola serĉi oron. Sed tuj, kiam iu alia spertulo trovos la valoran metalon, li ja forrapidos.

Li estis jam ses monatojn en Perto kaj ŝparis modestan sumon, kiam la ekscita informo disvastiĝis. Oro estis trovita en loko nomata Hall's Creek. Billy tuj ekaĉetis parton de la materialo rekomendita al li de maljunulo, kiu trovis iom da oro en Kalifornio en 1849, kaj poste en Bendigo en Viktorio. La manko de spertoj kaj scioj tute ne malakrigis la fervoron de Billy. Dum tuta semajno li devis frustrate atendi ŝipon veturontan norden.

"Vi povos atingi Hall's Creek aŭ el Derby aŭ el Wyndham," diris la grizbarba eksministo. "Mi rigardis la mapon. El Derby estas 600-mejla[1] marŝo trans relative ebena tereno, kaj estas kelkaj ŝafbienoj survoje. El Wyndham la distanco estas nur 400 mejloj[2], sed la pejzaĝo estas monta kaj ŝtona. Se mi estus vi, mi irus de Derby."

Do Billy decidis elŝipiĝi en Derby. De tie nur 600 mejloj apartigus lin de riĉula feliĉo.

Sed kiam li surŝipiĝis, estis malagrabla surprizo konstati, ke li ne estas la sola kun tiaj revoj. Centoj da viroj iros, ĉiuj kun la sama ambicio: instruistoj, bankdungitoj, advokatoj, ĉarpentistoj, butikistoj, metiistoj, preskaŭ ĉiu socia tavolo estis reprezentata. Estis eĉ kelkaj forpelitaj ekspastroj el Anglio kaj unu-du malriĉaspektaj lordoj.

Ili forveturis de Fremantle, la haveno de Perto, kaj preteriris la insulon Rottnest, terura ekzilloko por kondamnitoj. Oni diris al Billy, ke pli kaj pli la loĝantoj sur tiu muŝoturmentata insulo estas aborigenoj el la tuta kolonio, kies ĉefa krimo estis mortigo de ŝafoj kaj bovoj de bienistoj.

La malnova malamiko de Billy, marmalsano, baldaŭ transprenis. Li estis malsana dum granda parto de la vojaĝo, kaj li apenaŭ rimarkis, ke la marbordo kaj la malfekundaj montetoj daŭre glitas suden. Li ja rimarkis kun maltrankvilo, ke ĉiufoje, kiam ili haltis ĉe haveno, pli da viroj surbordiĝas, kaj evidente kun la sama misio kiel li. Dum ili preteveturis la Golfon de Ŝarkoj, li vidis, ke la nomo tre pravas. Li skuetiĝis, rigardante tiuj suplajn kaj mortigajn marbestojn. Ne, neniam li amis la maron, kaj li ĵuris al si uzi ŝipon kiel eble plej malofte. Sed marŝi surtere en Okcidenta Aŭstralio, kun tiuj neimageblaj malplenaj mejloj, estis ne nur elĉerpe kaj multekoste, sed grandagrade danĝere, se pravis la multaj rakontoj aŭditaj en Perto. Ne nur malsato kaj soifo minacis, sed en kelkaj lokoj la nigruloj iĝis pli kaj pli atakemaj.

Ie inter Roebourne kaj Broome Billy denove vomis ĉe la ferdekbarilo. Li staris tie, kaj fakte eksentis sin iomete pli bona, kiam alia maldika, altkreska viro impetis al la barilo kaj elgorĝigis sian manĝon tuj apud Billy. La flave bruna elkraĉaĵo arkis iom for de la ŝipo kaj plaŭde malaperis en la senfinan

1 960 kilometra

2 640 kilometroj

maron. Fininte, almenaŭ provizore, la viro turnis sin al Billy, ridetis per torditaj trajtoj, kaj diris, "Mia plezuro vin renkonti, oldulo. La karaj gepatroj donis al mi la nomon Roger." Lia akĉento venis el iu regiono de Kent! Roger gestis al la vastega akva mondo kaj komentis, "Sciu, ni britoj estas nun lordoj de la planedo. Mi supozas, ke tio rajtigas nin vomi en ĉies ajn akvon."

"Mi devas diri, ke via prezentaĵo estis pli eleganta ol mia. Oni nomas min Billy."

La du tremgenuaj junaj viroj manpremis, kaj ambaŭ intuiciis, ke ili estos partneroj en tiu ĉi stranga aventuro. Preskaŭ ĉiuj viroj sur la ŝipo nomis iun "kamarado", kaj laŭsperte tia kamaradeco povus esti nepra por pretervivi en la sovaĝejoj de la nekonata kontinento.

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.

Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Redaktoro:
Donald Broadribb

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron, por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com